# IRĒJO - Bulteno

Informilo de Irana Esperantista Junulara Organizo

N-ro : 8 Aprilo - Majo 1995 Fárvárdin - Ordibeheŝt 1374



## Adresoj

## IRĚJO - Bulteno

Informilo de Irana Esperantista Junulara Organizo

□Redaktoro : M.Reza Torabi □Helpredaktorino : Fáriba Nuri Máĝd □Korektisto : Hámze Ŝafii □Eldonaj aferoj : Ábbas Bagestani □Eldona ordo : du monate □Poŝta adreso :

P . O . Kesto : 17765-184, Tehran-17, Irano

---

**Irana Esperantista Junulara Organizo-IREJO**

Landa sekcio de : Tutmonda Esperantista Junulara Organizo-TEJO

Landa filio de : Internacia Scienca Asocio Esperantista -ISAE

UEA kodo : irej-n, FEL kodo : irej-n

Fondita : Julio 1993/Tir 1372

P . O . Kesto : 17765-184 , Tehrano

IREJO Estraranoj :

**Ĉefgvidanto** : M . Reza Torabi (Planado, Eksteraj Rilatoj, Informado), p/s : IREJO

**Vicgvidanto** : Ábdollah Hakimneĵad (Instruada Rondo, Univesitataj Rilatoj), P.O.Kesto : 91375-1346, Máŝhado.

**Ĝenerala Sekretario, Kasisto** : Ábbas Bagetsani (Komputila Rondo), P.O.Kesto : 13185-618, Tehrano. Tel : +98 21 6612445

**Sekretario** : Ĝámŝid Áhmadi (Scienca Rondo), Daneshkade Pezeshki, Daneshgahe Shahid Beheshti, Tehran-Evin.

---

**Dankon !**

Al ĉiuj gesamideanoj kiuj okaze la novjaro kaj Naûruz-festo sendis bondezirkartojn al la redakcio, ni elkore dankas kaj deziras plensukcesan novjaron al ĉiuj gesamideanoj.

## Saluton!

**Feliĉan Naûruzon !**

Estimataj gesamideanoj, estas dua Naûruzo kiun mi bondeziras al vi Esperante!. Elkore mi esprimas mian bondeziron al vi ĉiuj pro la novjaro kaj Naûruz-festo.

Ekde tiu-ĉi numero ni havas aktivulinon en la kadro de la bulteno, F-ino Máĝd, sufiĉe aktiva kaj laborema samideanino. Ni faris intervjuon kun ŝi kaj la rezulton vi legas sur la paĝo 5. Do ekde la venonta numero vi legos ŝian saluton.

Komence de la nova jaro mi devas esprimi mian tutkoran dankon al Ábbas Bagestani pro lia senlaca laborado, kaj aktivado. Li kreas preskaû de nenio ĉion al ni !, sen lia klopodado nia bulteno neniam povus aperi ĉi-tiel kiun ni ĉiuj hodiaû vidas.

Tiu- ĉi numero en si mem havas multan surprizaĵojn kiel ŝajnas, ĉar ankaû ni aperigis konkursojn kaj ĉiuj interesatoj povas kontribui pri tiu. Sendube via opinio havos rektan influon pri la formo kaj enhavo de la bulteno, do ne hezitu informigi la redakcion pri via opinio kaj vidpunkto rilate la bulteno kaj aliaj aferoj. Neniu en IREJO sin scia perfekta kaj " ĉiu sciulo " sed ni esperas la progresadon. Kun plej bondeziroj al vi ĉiuj, amike salutas.

M . Reza Torabi

---

**Enhavo :**

## Momento kun Korano

**La Islama sankta libro-la Nobla Korano- laŭdire de la altmoŝta profeto estas la plej mirakla kiun Dio faris por gvidadi la homaron. Ĉar ne ĉiuj posedas la Esperantan version de la Nobla Korano ni klopodas aperigi ĉapitrojn el ĝi en nia bulteno laŭ okaze. Estu ĉiam je la ombro de Korano.**

### Al _ Falak ( la matenruĝo)

*1. Je la nomo de Allah, la Donema , la Pardonema.*
*2. Diru : "Mi serĉas rifuĝon ĉe la sinjoro de la matenruĝo,*
*3. Kontraŭ la malbono, kiu ekzistas en la kreaĵo,*
*4. Kaj kontraŭ la malbono de la malluma nokto, kiu disvastiĵos,*
*5. Kaj kontraŭ la malbono de tiuj, kiuj blovas sur la nodojn(por disigi ilin),*
*6. Kaj kontraŭ la malbono de la envianto, kiu envias. "*

***La Nobla Korano - Ĉapitro 113***

### An - Nas (la homoj)

*1. Je la nomo de Allah, la Donema , la Pardonema.*
*2. Diru : " Mi serĉas rifuĝon ĉe la sinjoro de la homoj,*
*3. La reĝo de la homoj,*
*4. La Dio de la homoj,*
*5. Kontraŭ la malbono de la korojn de la homoj,*
*7. De la ĝinnoj kaj la homoj.*

***La Nobla Korano - Ĉapitro 114***

## Intervjuo

F-ino Fáriba Nuri Mâĝd estas inda ekzemplo pri la situacio de E-o en nia lando. Ŝi eklernis E-on antaŭ 10 jaroj sed pro la manko de vera E-o centro estis ŝi izolita esperantistino. De tiam ke ŝi ekinformiĝis pri nia asocio entuziasme ŝi aliĝis al IREJO kaj de tiu-ĉi numero ĝi agas kiel la helpredaktorino de ties informilo. Por konatiĝi kun ŝi kelkajn demandojn de ŝi demandis ni :

**Bonvoli iom diru pri vi mem, pri via profesio kaj emo al E-o ?**

Fáriba Nuri Mâĝd (F.N.M) : Unue mi dankas vin pro nuna situacio. Mi post fini mian studadon pri la persa literaturo kaj akiri ties licencon eklaboris en eldonejo kiel editoristino, mi korektas kaj preparas librojn kaj gazetojn por eldonado. Plej originala kialo pri mia emo al E-o estas propreco de pacemo, speciale en nuna situacio.

**Laŭ via opinio IREJO kiel maniere povas antaŭeniron ?**

F.N.M : Progreso de ĉiu asocio dependas al la membroj de tiu asocio, kiam celo estas distingita, kun korekta kaj logika planizo, ni povas antaŭ eniri ĝustan vojon.

**Kiajn proponojn vi havas pri E-a aktivado en nia lando ?**

F.N.M : Se ĉiuj interesatoj al E-o klopodu, per helpo de unu la alia povas progresi kaj publiki E-o en nia lando.

**Vi ekis kunlaboradon kun IREJO kiel helpredaktorino de ties informilo, kiojn planojn vi havas pri la bulteno?**

F. N. M : Mi pensas ĉiuj personoj kiuj komencas laboron, havas diversajn ideojn en sia menso, ke devas esti egala kun eblaĵoj. Mi esperas povi estu utila por bonigi la bultenon kaj havi frukto donajn kunlaboradojn kun la gesamideanoj kune.

**Eble estas multaj gesamideanoj kiuj estas ankaŭ izolitaj, kion mesaĝon vi havas al ili ?**

F. N. M : Feliĉe nun en nia lando ekzistas aktiva asocio, ke povas aktivigi izolitajn gesamideanojn. Do ili mem devas voli, rilati kun gesamideanoj, ĉar E-o movado bezonas al bonaj kaj aktivaj geesperantistoj.

**Dankon**

Demandis : M. Reza Torabi

# Kion oni devus scii pri TEJO

## TEJO
## Tutmonda Esperantista Junulara Organizo

La Organizon fondis s-ino E. Van Veenendaal-Bouwes, en Groet,Nederlando en 1938 kun la nomo Tutmonda Junular-Organizo, por krei solidaron kaj amikecon inter la diverslandaj gejunuloj, kaj konscion pri tutmonda frateco. En 1956 TEJO iĝis la junulara sekcio de UEA. En 1971 la financoj kaj administrado de TEJO estis plene integritaj en tiujn de UEA. En 1986 TEJO iĝis integra parto de UEA kaj ĉesis havi apartan juran personecon.

## Servoj de TEJO

**Pasporta Servo:** La populara gastiga servo de TEJO celas faciligi la internacian vojaĝadon, donante al la uzantoj la eblon gasti ĉe esperantistoj. Ĉiujare PS pretigas liston de gastigantoj ĉe kiuj la vojaĝantoj povas senpage tranokti (evtl. pagante malgrandan kompenson por manĝoj k.s.). La lasta eldono de la libreto enhavas pli ol 900 adresojn en 72 landoj el ĉiuj kontinentoj.
Ĉiu-ne nur gejunuloj-rajtas uzi la Servon, por kio sufiĉas aĉeti la libron; gastigantoj ricevas ĝin sinpage kaj per tio ankaŭ la rajton uzi la Servon. ĝin vendas la Libroservo de UEA, aliaj gravaj libroservoj kaj la landaj organizantoj de PS. Kiu deziras aliĝi al PS kiel gastiganto skribu al: pasporta Servo, postbus 2310, NL-1000 CH Amsterddam, Nederlando.

**Aliaj servoj:** La individuaj membroj de TEJO ricevas rabaton ĉe aliĝo al la internacia Junulara kongreso kaj certaj aliaj aranĝoj de TEJO, kaj sen plia pago ricevas la revuojn TEJO tuumonde kaj Kontakto. Krome, TEJO peras servojn de la Eŭropa Junulara Centro. Strasburgo, inter kiuj elstaras trejnaj seminarioj por internaciaj junularjvidantoj kaj lingvokursoj.

### Membraro

TEJO havas asociajn kaj individuajn membrojn. Asociaj estas la membroj de la landaj sekcioj aliĝintaj al TEJO,. La individua membraro de TEJO konsistas el la individuaj membroj de UEA malpli ol 30-jaraj MJ-T, MA-T, DM-T. Ili aliĝas rekte kaj ricevas servojn de TEJO. La kotizon de individua membro oni povas pagi pere de la kotizperanto de UEA en la koncerna lando. En 1993 TEJO havis 751 individuajn membrojn.

# Kion oni devus scii pri TEJO

Delegitoj: Junulara Delegito (JD) estas minimume 16-jara kaj maksimume 30-jara. La adresoj de tiuj delegitoj troviĝas ĉe la delegita adresaro en la Jarlibro. Por fariĝi JD oni petu formularon de sia ĉefdelegito aŭ de la Centra Oficejo de UEA.

## Sidejo

La sidejo kaj administrejo de TEJO estas ĉe Nieuwe Binnenwg 176,3015 BJ Rotterdam, Nederlando. TEJO-tutmonde

La oficiala gazeto de TEJO estas TEJO tutmonde. ĝe aperas 4-foje jare kaj ĝin ricevas la individuaj membroj kaj patronoj de TEJO. ĝi estas abonebla ankaŭ aparte kontraŭ duono de la kotizo MJ-T por la koncerna lando.

Redaktoro: Kalle kniivila, Vaasanpuistikko 17-817, F1-65100 Vaasa, Finnlando; +fakso (961) 3177011.

## Kontakto

Kontakto estas ilustrita gazeto por junaj kaj komencantaj esperantistoj. ĝin eldonas kunlabore TEJO kaj UEA kun ses numeroj jare. ĝi estas gazeto pri la mondo, ne pri la movado. parto de ĉiu numero estas verkita en facila lingvaĵo.

Abonoj: individuaj membroj kaj Patronoj de TEJO ricevas kontakto aŭtomate. Aliaj povas aboniĝin pere de la UEA-kotizperanto en sia lando.

Kolektivaj abonoj: grupoj povas aboni Kontakto je rabato de 40% Sufiĉas nur 10 ricevantoj. La gazetojn ni sendas en unu pako al unu adreso. Se ĉiuj gazetoj estu senditaj rekte al la unuopaj ricevantoj, la rabato estas 20%.

Redaktoro: Franisco L. Veuthey. ĉe UEA.

## Komitato

La supera organo de TEJO estas ĝia komitato. Ordinare ĝi kunvenas ĉiujare okaze de la internacia Junulara Kongreso (IJK). ĝi konsistas el komitatanoj A, B kaj C kaj estraranoj. Komitatanoj A estas la reprezentantoj de la landaj kaj fakaj sekcioj, nomataj ĉiun duan (paran) jaron. Komitatanoj B estas elektataj de la individuaj membroj de TEJO ĉiun duan (paran) jaron. Komitatanojn C elektas A kaj B por havi en la komitato personojn kun aparte bezonataj spertoj. La kvara kategorio de komitatanoj estas estraranoj.

## Kion oni devus scii pri TEJO

### Estraro
Ĉiun duan (neparan) jaron la Komitato elektas Estraron por kunordigi kaj direkti la laboron.

### Landaj sekcioj
TEJO havas 37 landajn sekciojn.

### Fakaj sekcioj
Biciklismo : Biciklista Esperanto-Movado Internacia (BEMI) : Sekretario, Ivo Miesen, Bloemenweg 102. NL -6221 TX Maastricht, Nederlando.
Rokmuziko : EUROKKA (Esperanto-Rok-Asocio) : Floreal Martorell, FR-31450 Donneville, Francio; 61 81 95 65.
refrenco : Jarlibro 1994

## Periodaĵoj ricevitaj

Sei(Spritisma Esperanto-Informilo) n-roj : 78,79(Brazilio)
Eventoj, n-roj : 63,64,(Hungario)
La letero de l' Akademio de Esperanto, n-roj : 28,29(Francio)
GEJ-Gazeto, (Geraman Esperanto-Junularo) n-roj : 5/94, 6/94, 1/95, (Germanio)
Koncize, n-roj : 113, 114(Germanio)
tejo-tutmonde, (Organo de TEJO) n-roj : 66, 67.
juna amiko, n-roj : 69, 70(Hungario)
Ktp!,(Usona Esperanto-Junularo) n-roj : 5, 6(Usono)
La Domo, n-ro : 5, januaro 95 (Francio)
Verda Voĉo, (Korea Esperanto-Junularo) n-ro : 27 (Koreio)
MONDA FORUMO, (Organo de Monda Kunagado por Edukado,Scienci kaj Kulturo) n-ro : 9, januaro 95 (Francio)
Jeun Esperanto (Organo de Junulara Esperantista Franca Organizo) n-ro: 95/1.

کپی نشریات فوق قابل دریافت می باشد

## Planoj por la aktivado

**Vivo estas kokekto da momentoj, do se-ni havus sukcesajn momentojn ni jam finigus niam vivon sukcese.**

Temo: samkiel vi scias, parolo necesigas antaŭan pripensadon, tio estas. nur tiuj povas paroli pri speciala temo kiuj havas specialan penson, kiuj jam pensis sendepende kaj reale pri la temo eĉ momentoj.

Mi ankaŭ kiel unu el amantaro de la ideo de la internacia lingvo, mia vice kolpodis pensi pri jenaj demandaj:

1. kion utilon havas Esperanto?
2. kioj estas niaj malfacilaĵoj, mankoj kaj akiraĵoj ĝis nun?
3. kaj en tute ni Iranaj Esperantistoj kion devas fari?

Kompreneble, ĉi-tie mi pliemfazas sur havi realan ĝustan rigardon pri Esperanto ĉu mondskale ĉu enlande, decan konduton, distingi devon kaj agi klopodeme. pasintaj spertoj jam certigis min ke, se niaj agoj estu sinceraj kaj konformaj kun la kuranta leĝaro en nia socio, malfacilajxoj ne nur malesperigos aŭ lacigos nin sed iom post iom novaj esperoj kaj subtenoj venos al ni.

Eble oni opinias la movado, ekzemple, bezonas fortan materian kaj nematerian subtenon je la flanko de registara aparato, tio estas, oni pensas ke la vivo de Esperanto en nia lando dependas al registaraj cirkuleroj.

Laŭ mi, eĉ laŭ la ĝusteco de tio-ĉi pretendo ni devas agi tiel kiel ni altiru atenditajn kunlaboradojn el la kulturaj landaj institucioj. Tiu cele, unue ni devas ĝuste koni interesojn de nia socio. Ekzemple, la islama revolucio volas imisii valoraĵojn en la universala kaj Irana socio. Al kiujn ni devas asigni parton el nia aktivado . Tial ke lingvo en tute estas nenio krom komunikilo do kial ni kompensu cenzuron per cenzuro.

Tio-ĉi pensmaniero,laŭ mi, estas kunrajdo kun La tempo kaj unu el principoj por ĉio progreso. Do, IREJO , tiu-cele havas 2 primitivajn celojn:

1. Traduk-movado: t.e. , ni ĉiuj havas kontakton kun temoj utilaj por traduki esperante, certe la plej grava afero estas koni necesecon kaj antaŭecon de la traduk-temo. Religiaj kaj sciencaj aferoj precipe dependitaj al sociaj interesoj estas pli gravaj.
2. Originala verkado : t.e., ni ĉiuj sia vice havas informadon kaj specialecon kiun ni povas verki kaj tiele plivastigi kaj pliriĉigi la literaturon de nia kaj nian internacian lingvon.

**Ábdollah Hákimneĵad**

## Naûruzo, la festo de renaskiĝo.

De : Áli Ásgár Kosari

Ĉiuj landoj kaj nacioj havas tago(j)n kiel festo de novjariĝo. En Irano tiu estas Naûruz-festo. En tiu ĉi artikoleto ni legas iom pri tiu-ĉi festo.

Naûruzo estas la nomo de la plej solena festo en Irano, kaj malnovega popol-festo en oriento. Krom Irano, ankaû keklaj aliaj landoj kiel Azárbajĝano, Turkujo kaj partoj de Pakistano, Irako, Ĉinio... festas Naûruzon. laû historiaj dokumentoj, de antaû 4000 jaroj la popoloj de Grekujo, Aŝuro, Egiptujo, Kaldeo, kaj Hindujo festis tiu-ĉi feston. la historiaj dokumentoj esprimas ke la tago de Naûruzo samtempis kun la tagoj de " Heĝiro de la Islama profeto, sinjoro Mohammad B.D (Benita de Dio) kaj lia profetiĝo ", kaj ankaû la tago de " Gadir festo " 1. Ankaû tiam, kiam sinjoro Abraham rompigis idojn, samtempis al Naûruzo.

Naûruz-festo establiĝis en epoko antaû Zoroastrismo. Ĝi estas la simbolo de renaskiĝo, renoviĝo kaj reverdiĝo de la naturo. Astoronomie Naûruzo samtempas kun printempa ekvinokso. la festo komenciĝas la 20an aû 21an de marto (laû Irana kalendaro : la 1an de farvardino) kaj finiĝas la 1an aû 2an de aprilo. Do Naûruz-festo daûras 13 tagojn. La festaj tagoj kaj ankaû la antaû festaj tagoj estas plenaj da ĝojigaj kaj festaj ceronomioj.

Antaû alveno de Naûruzo, oni klopodas akiri novajn vestojn. Hejm mastrinoj kiuj en Irano ofte estas " patrinoj ", mem purigas loĝejon kaj preparas " verd-herbaĵon ", kaj bakas dolĉajn panojn nome "Táftan". La verd-herbaĵo estas tiel farita ke oni metas maceritoajn semojn de tritiko aû aliajn graminacojn en teleron. post kelkaj tagoj la semoj ĝermas kaj kreskas verda herbo. la verdherbaĵo simbolas venon de la printempo. La lastan mardon de pasanta jaro oni preparas brul-lignon aû alliajn brulaĵojn kaj vespere ekbruliĝas centojn da fajro en kortoj, stratoj kaj placoj, kaj poste oni saltadas trans illin. Tiu ĉi ceronomio en la persa lingvo nomiĝas "ĉaharŝánbe suri"kaj estas la simbolo de puriĝo kaj forigo de malbono, malfeliĉo kaj malsaneco.

La fajroj devas finbruli mem, oni ne estingas ilin. Lastan vesperon de pasanta jaro oni, speciale infanoj kaj gejunuloj bruligas fajron kaj faras la ceronomion de piroteknikaĵo.

Kelkaj horoj antaû nova jaro la hejmmastrinoj etendas manĝtukon kaj sur tiun metas multajn objektojn kaj manĝaĵojn, ekzemple: Spegulo, Nobla korano-la sankta libro de Muzalmananoj, ovo, frukto, novjara kalendaro, sep so-oj2, brulanta kandelo, brulanta bonorda alooligno, verdherbaĵo, akvo, kaj vivanta fiŝeto naĝanta en karafo.

la festa manĝtuko vere estas vidinda kaj memorinda, ofte simpla kaj malkosta, sed tre bela kaj solena. Kelkaj minutoj antaû nova jaro la familianoj vestas siajn novajn vestojn kaj sidas ĉirkaû la festa manĝtuko kaj atendante novan jaron, kelkaj preĝas kaj kelkaj legas koranon. tiam, kiam la nova jaro alvenas, oni legas specialan preĝon de novjariĝo:

" Je la nomo de Dio, la Donema, la Pardonema
O, Trans formanto de koroj kaj okuloj
O, kreanto de nokto kaj tago
O, Transformanto de fartoj kaj statoj
Plej bone ŝanĝu nian farton ".

Post novjariĝ-preĝo la familianoj kisante unu la aliajn, gratulas novan jaron kaj deziras sanon kaj sukceson en nova jaro al unu la aliaj. En la tago de Naûruz-festo oni faras vizitojn. Okaze de festo ĉiuj kvereloj kaj ofendiĝoj forgesendas, ĉar Naûruzo estas la festo de paciĝo. Oni komence vizitas la plj aĝajn parencojn (hel-barbulojn). kaj ne forgesas la malsanulojn kaj ankaû vizitas ilin kaj deziras por ili sanon. En sama tago oni ankaû vizitas funebrajn familiojn, kiuj dum la pasinta jaro perdis anon el sia familio, alivorte unu el ilia familiano mortis, kaj en tiu vizito oni konsolas familion. la funebraj familioj nefestas Naûruzon po unu jaro.

En festaj vizitoj plenaĝuloj festdonacas al geknaboj. Televido kaj radio programas specialajn programogn. La polotikaj estroj de la lando sendas festmesaĝojn al popolo.

Dum 13 tagoj de Naûruzo la lernejoj kaj la universitatoj estas feriataj, sed aliaj oficejoj nur 4-5 tagoj ferias. Aliaj tagoj de Naûruzo pasiĝas ofte per vizitoj kaj gastiĝo kaj gastigo kaj ne havas specialan ceronomion. Sed la 13a tago t.e. lasta tago de Naûruzo havas interesan ceronomion. En tiu tago oni forveturas urbojn kaj siajn loĝejojn kaj pasigas tutan tagon kun siaj familianoj kaj siaj parencoj aû amikoj en naturo (ĝardeno,monto, kampo, parko aû aliaj promenejoj). En tiu ĉi tago oni forĵetas festan verd-herbaĵon, kaj tiel finiĝas Naûruz-festo. Mencieblas ke dum la pasinteco la Naûruzon oni festis pli solena ol hodiaûa tempo, sed nun pro teknologio, kelkaj forgesis tiu-ĉi nacian tradicion.

Klarigoj.

1- Gadir-tago estas tiam,kiam sinjoro Mohammad B.D. la profeto de Islamo, prezentis Imamo Ali kiel sia postulo.

2- Sep so-oj estas sep objektoj aû manĝaĵoj, kies nomoj en la persa lingvo komenciĝas per la litero "s", kaj ili ofte estas: verd-herbaĵo (sábzi), monero (sekke) alizo (senĝed), sumako (somag), vinagro (serke), ajlo (sir) kaj nigelo (sijahdane).

## Csch kaj la krokodilo

La kreinto de Cech-metodo, Andreo Cseh, laŭdire ankaŭ naskis une faman slangaĵon : " Krokodili " . Per krokodila manpuno, lin interrompanta nacilingvo, li amuzigis siajn leionojn. Sed kiu estis tiu Andreo Cseh -(Ĉe),hungara pastro, naskiĝis la 12-an de septembro 1895 en Marosludas (Ludoŝul-de-Mures, Rumanio). Li esperantistiĝis en 1910 kaj ellaboris dek jarojn poste en Sibiu la famiĝontan kursmetodon ("Cseh-metodon"). Dum la sekvaj jaroj li gvidis E-kursojn en pluraj Eŭropaj landoj, i.a. Svedio, Estonio, Latvio kaj Nederlando. En 1922 li kunfondis la E-Centron Rumanan kaj partoprenis la organizajn laborojn de la UK-oj en Ĝenevo, Gdansko kaj Budapeŝto. En majo de 1930 li fondis kun ges-roj Isbrucker la Internacian Cseh-Instituton de Esperanto en Hago (Nederlando).

La " Cseh-metodo" kreiĝis en 1922 en Sisiu (Rumanio). Andreo Cseh estis devigata gvidi E-kurson antaŭ diversnacia publiko, Konsistanta plejgrandparte el laboristoj. Lernolibroj ne estis haveblaj, mendi el eksterlando neeblis, Ĉar la limoj estis ankoraŭ fermitaj. Cseh decidis do ne doni kutiman kurson, sed simplan konversacion. Nigra tabulo kaj kreto helpis la instruiston, papero kaj krajono la lernantojn.

Komence li parolis pri aferoj plej proksimaj kaj uzante nur la plej simplajn gramatikajn elementojn. Poste li transiris iom post iom al temoj pli malfacilaj. Post 40 horoj jam eblis interparolo en Esperanto.
Hodiaŭ oni ofte uzas la vortojn " Cseh-metodo " kaj " rekta-metodo " sinonime, kio tamen ne tute ĝustas. Cseh fiksis por sia metodo la jenajn principojn :

a neuzado de lernolibro
b neuzado de nacia lingvo, sed klarigo de la novaj vortoj per la jam instruitaj
c komuna hora respondado de la kursanoj
Ĉ aplikado de konversacio pri aktualajn anstataŭ de lernejecaj ekzemploj.
d riĉa aplikado de humoro kaj ŝerco
e instigo al tio, ke la lernantoj mem eltrovu la regulojn de la lingvo kaj ke ili mem konstruu la gramatikan sistemon.

Kursojn por Cseh-instruistoj ofertas la Internacia Cseh-Instituo de Esperanto (IEI) en Hago.

el : tejo tutmonde(T.T.) n-ro : 57

# Raporto pri 3a IREJO renkontiĝo

**La antaŭ Naŭruza renkontiĝo,**

3a IREJO renkontiĝon partoprenis 19 gesamideanoj el 5 urboj: Áhvazo, Ŝirazo, Káráĝo, Tábrizo, Máŝhádo kaj Tehrano.

D-ro Mohámmád Pezeŝki komence bonvndirante la partoprenantojn, li parolis pri la malfacilaĵo de Irana esperantistaro kaj ties solvmanieroj.M. Reza Torabi prelegis pri la E-o movado kaj junularo. Ábdollah Hákimneĵad esprimis siajn vidpunktojn pri la movado kaj E-a agadmaniero en Irano. S-ro M. E. Samanipur UEA delegito en Ŝirazo ankaŭ partoprenis en la renkontiĝo, fakte li estas unua UEA delegito kiu renkontis IREJOn.

M. Reza Rahvár partoprenis el Tábrizo, urbo kie IREJO membroj estas pli ol aliaj regionoj kaj jam aperas bezono pri regiona delegito tie. M. Mirbozorgi partoprenis el najbara urbo de Tehrano, Káráĝo.

Dum la 3a renkontiĝo oni serioze diskutadis pri registrigi la asocion ĉe la ŝtato. Ŝahroĥ Fárzad el Tehrano proponis ke oni sen tempŝparo registrigu IREJOn, sed IREJO estraranoj responde pridiris ke ankoraŭ estas tro frua pri tio afero kaj hodiaŭ indas oni komence ellabori pri bazaj agadoj kiel altniveligi E-o scipovadon kaj interkomunikadon kaj poste tiam kiam multaj gesamideanoj aliĝis al la asocio oni alpaŝu por la registrigado. La diskutita temo ankoraŭ estas malferma, interesantoj spegulu siajn opiniojn kaj vidpunktojn pri tiu afero.

**Kvara IREJO Renkontiĝo**

Dato : 19 05 1374 (10 08 1995)

Ejo : Tehrano, IREJO sidejo

Detalaj informoj kaj aliĝilo ĉe : Ábbas Bagestani

Tel : 021 6468204 (tage)

021 6612445(nokte)

Bonvoli nepre informu nin pri via partopreno kaj mendu la aliĝilon, sen aliĝilo oni ne akceptos iun. La detalajn informojn petu telefonante aŭ koresponde. Antaŭe pro via atento koran dankon!

# Bildvortaro



EGO, ETO kaj AĈO

| | | |
|---|---|---|
| 1. | -ETO | RIDETO |
| 2. | | RIDO |
| 3. | -EGO | RIDEGO |
| 4. | -ARO | ŜTUPARO |
| 5. | | ŜTUPOJ |
| 6. | -ETARO | ŜTUPETARO = ESKALO |
| 7. | -ETOJ | ŜTUPETOJ |
| 8. | -AĈO | DOMAĈO |
| 9. | -AĈO | HUNDAĈO |
| 10. | -EGO | HUNDEGO |
| 11. | -ETO | HUNDETO |
| 12. | | ŜTRUMPO |
| 13. | -ETO | ŜTRUMPETO |
| 14. | | ĈEVALO |
| 15. | -ETO | ĈEVALETO |
| 16. | -ETO | BIRDETO |
| 17. | -AĈO | ĈEVALAĈO |
| 18. | -EGOJ | UNGEGOJ |
| 19. | | UNGO |
| 20. | -ILO | TRANĈILO |
| 21. | -ILEGO | TRANĈILEGO |
| 22. | | KLINGO EL ŜTALO |
| 23. | | KOL-HARARO |
| 24. | | RUBUJO = BALAAĴUJO: EL LADO |
| 25. | | TEGMENTO EL PAJLO |
| 26. | | MURO EL ARGILO |
| 27. | | PORDO EL LIGNO |

## Scienca libro

Antaû nelonge ni ricevis ĉefverkon pri la biologio kaj la kemio kiun bonfare sendis al ni " Esperanto Societo de Chicago " dankon koran al ili pro plenvalora, sendita libro. " Ĝenerala Organika kaj Biologia Kemio " estas baza libro tre taûga kaj rekomendinda por ĉiuj studentoj kaj scienculoj kies fakoj rilatas iel al la kemio kaj biologio. La libro estas varkite : H.S. Stoker kaj M. K. Slabaugh kiun tradukis : R. K. Jones kaj D. A. Portman el la angla en la kadro de Internacia Scienca Asocio Esperantista (ISAE), kaj ĝin eldonis " Esperanto Societo de Chicago".

La libro estas 595 paĝa en A4 formato kaj sufiĉe riĉa pri desegnajxo. Se vi deziras havi la libron kaj ricevi detalajn niformojn bonvoli kontaktu al Ĝámŝid Áhmadi(Scienca Rondo).

## Kelkaj mallongigoj

FD : FakDelegito de UEA
JD : Junulara Delegito de UEA
IJK : Internacia Junulara Kongreso de TEJO
UEA : Universala Esperanto Asocio
UK : Universala Kongreso de UEA
PS : Pasporta Servo, la listo de la gastigantoj de TEJO

قابل توجه علاقمندان

لیست نشریات علمی . فرهنگی اسپرانتو زبان که قابل دریافت می باشند منتشر شد
علاقمندان با ارسال ٤٠ ریال تمبر باطل نشده می توانند آنرا دریافت نمایند

## IREJO aktivulino en Kuvajto !

Fárŝide, aûtodidakta espeantistino el Ŝahinŝahro, kiu pro sia ofic-laborado nune loĝas en najbara lando Kuvajto, fidele al IREJO ekis varbadon pri E-o en tie.

Laû ŝia raporto en firmo kie laboras nia samideanino konsistite el diversnacianoj,Fárŝide prezentis al siaj gekolegoj E-on kaj oni informiĝante pri ĝi interesis ekzameni ĝian povecon. Oni petis ŝin aranĝi E - o kurson kaj baldaû tio estos aranĝita. Aktivante Fárŝide en Kuvajto ĉu nia asocio internaciiĝas?! La estonto respondos.

## Granda Esperanto- Persa kaj Persa - Esperanto vortaro

La longa atendo atingas sian agrablan frukton Antaû preskaû 15 jaroj S-ro Aref Azári ekis plenvaloran ĉefverkon pri la granda Esperanto- Persa kaj Persa - Esperanto vortaro surbaze PIV. Hodiaû post 15 jaroj laû la noktotaga ellaboro de nia samideano estas jam preta la ĉefverko kiun baldaû Irana esperantisaro atingos.

S-ro Azári deziras unupaŝe eldonu la poŝvortaretojn koncize kaj poste la detalajn dikajn vortarojn.

Espereble dum la nova jaro ni atingu liajn valorrindajn verkojn.

## Iranaj membroj de UEA malkreskis

Iranaj membroj de UEA dum la pasintaj kvin jaroj preskaû duoniĝis . kompare la Iranaj membroj en 1990 kiu inkluzivis 92 membrojn, UEA havis 49 membroj el Irano en 1994. La malkresko kaj falo de individuaj membroj de UEA spegulas ekonomian krizon ke pro tiu oni malfacile povas (re)membriĝi ĉe UEA. Aliflanke ĉar transpagado estas terure malfacila kaj lavaluto ne havas fiksitan valoron, do vole ne vole ĉi-tiuj aferoj kaûzis ke Iranaj membroj malkresku ĉe UEA. Laû jara Iranaj membroj de UEA dum la pasintaj kvin jaroj :

1990 : 92 , 1991 : 80 , 1992 : 45 , 1993 : 54 , 1994 : 49

## Ek al " Ĥaneje Fárháng "

Tehran-urbestro ekde antaû du jaroj kulturajn centrojn en ĉioj urb-regionoj konstruis tiel nomite : "Ĥanenje Fárháng " (la kultur-domo). IREJO aktivuloj en Tehrano diskutante kun kelkaj direktoroj de la kultur-domoj eble aranĝu E-o kursojn tie.

" Ĥaneje Fárháng " povas esti taûga ejo por konatigi E-on kaj instrui ĝin al gejunuloj kiuj entuziasme partoprenas tie. ĉu dum la jaro 1374 E-o estos instruata en la kulturaj centroj de Tehrano ? Se ni ellaboru jes, male neniam !